# SINCERAJ VORTOJ

*Certe multaj el niaj fideloj legantoj, kiuj vane atendis la januaran numeron de JUNA AMIKO, venis al malĝoja konstato[1]: Denove malaperis unu el niaj revuoj. Ne multo mankis.*

*Feliĉe, ĉi-foje, ni evitis la pereon[2], dank' al bon'vola inter-veno de la Hungara Esperanto-Asocio (HEA), per kies[6] helpo ni sukcesis aperigi jenan duoblan numeron. Ni firme[7] esperas, ke malgraŭ la novaj severaj dekretoj[8] ni povos savi la estonton de JUNA AMIKO. Hungara Esperanto-Asocio kaj Universala[3] Esperanto-Asocio ambaŭ rigardas la revueton JUNA AMIKO apoginda[4] periodaĵo[5].*

*La sorto de JUNA AMIKO devas aktivigi[9] nian tutan an'aron. Ni bone konscias, ke estus necese paroli ne al vi, kiu legas ĉi tiujn liniojn, vi plenumis ja, almenaŭ parte, vian devon; sed al tiuj multaj miloj da ek-esperantistoj, kiuj restas ekster la atingo-povo de la revueto.*

*Sed kiel atingi ilin? Ni vidas nur unu ireblan vojon:* **peti vin,** *kara leganto, pri aktiva helpo. Estas devo esperantista venigi la periodaĵon al ĉiu, kiu ĝin fakte bezonas: al la lernejanoj kaj komencantoj. Vi, kiu estas nia fidela leganto, kredeble ne malakceptas nian peton, kaj ne rigardas ĝin malagrabla ŝarĝo.*

*Pro multaj zorgoj pri el-don'ebleco, ni povis aperigi nur du numerojn en la lasta lerno-jaro. Ĉi tiu dua estas 32-paĝa. Per tia amplekso, ni deziras (almenaŭ parte) mildigi[10] la vundon, kaŭzitan de longa paŭzo[11]. De septembro 1976 ni esperas ree regule aperi.*

*La redaktistaro*

1. fina rezulto de penso-ĉeno/ 2. perei: morti; fali/ 3. tut'monda/ 4. subten'inda/ 5. gazeto, kiu aperas kun inter-tempo/ 6. de kiu/ 7. forte/ 8. skriba ŝtata ordono/ 9. aktiva: agema/ 10. mal-akrigi: malfortigi/ 11. inter-tempo.

JUNA AMIKO, NEMZETKÖZI ESZPERANTÓ DIÁKLAP
Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség.
1368 Budapest 5., pf. 193.
Felelős szerkesztő: Mátéffy József
Szerkesztő: Kurucz Géza
Készült a Somogy megyei Nyomdaipari Vállalat
kaposvári üzemében — 76-2735 — 5 000 példányban.
Felelős vezető: Farkas Béla igazgató

# K. KALOCSAY
## (1891—1976)

La 27-an de februaro, trafis nin kor'prema malĝojo. Por ĉiam forlasis nin Kálmán Kalocsay (:kaloĉai), grandegulo de nia kulturo esperantista.

Kio li estis? Jen demando, pri kiu respondi estas malfacile. Ni verŝajne ne eraras dirante: Kalocsay estas aparta fenomeno[1], komparebla nur kun Zamenhof. La simileco estas du-opa: anima kaj historia.

Kalocsay, simile al Zamenhof, estis modesta kaj sent'ema homo, kiun dolorige kor'tuŝis sufero, kaj kiu luktis por vera egaleco interhoma.

Zamenhof iniciatis[2] nian lingvon, Kalocsay faris ĝin matura kaj esprim'riĉa, kapabla konkeri[3] la plej altajn literaturajn pintojn.

Ni promesas ne makuli[4] la lingvon, por kiu li laboris ĝis la lasta horo:

*Ho, jen vi, Esperanto! Ne glora kaj fiera[5],*
*Nur orfa, sen-potenca[6], sen-forta, sen-matura,*
*Sven'ema[7] kaj sen-helpa kaj — eble — sen-espera,*
*Sed nobla, blanka, klara kaj sen-makule pura.*

(Kalocsay: En amara[8] horo)

1. aperaĵo/ 2. faris la fundamenton; komencis/ 3. milit'akiri; okupi/ 4. malpurigi/ 5. sin tro fidanta/ 6. senpova/ 7. falema pro malforteco/ 8. maldolĉa.



# BULGARIO

Bulgario estas unu el la malgrandaj landoj de Eŭropo. Ĝi entenas 111 000 kvadratajn kilometrojn, kaj nombras 8 500 000 loĝantojn. La reliefo[1] de la lando estas varia[2], kaj belega estas ĝia naturo.

La dua plej granda Eŭropa rivero, *Danubo* lavas ĝian nordan land'limon; ondoj de la *Nigra Maro* plaŭdas[3] oriente. Sude, najbaras *Greklando* kaj *Turkio*, okcidente — *Jugoslavio.*

Bulgario estas riĉa je montaroj. *Rila*, kun sia pinto *Musala* (2925 m), estas la plej alta punkto sur la *Balkana Duon'insulo.* La *Pirin*-montaro — kies pinto estas *Viĥren* (2195 m) — estas tiel alta kiel *Olimpo* en Greklando. La *Balkan*-montaro (aŭ *Stara Planina)* donis la nomon al la duon'insulo. En ĝiaj praarbaroj, sin kaŝas ursoj[4], aproj[5], linkoj[6] kaj, ĉe ĝia bazo[7], kuŝas la mond'fama *Roza Valo.* Nur kelkajn kilometrojn for de la ĉef'urbo *Sofio,*



1. malebena supraĵo/ 2. interesa pro ĝia diverseco/ 3. frape bruas kun malakra sono/ 4. grandaj brunaj bestoj de arbaro ŝat'antaj mielon/

*Asen Grigorov (Bulgario)*



# LANDO DE ROZOJ

leviĝas *Vitoŝa* kun sia plej-altulo *Ĉernivrĥ* (2290 m).

Unu el la plej al-tiraj regionoj[8] de Bulgario estas la marbordo. La Nigra Maro estas ĉarma. Ĝia sun'plena klara lazuro[9], la milda[10] plaŭdado de la kvietaj[11] ondoj, la sen-finaj larĝaj strandoj[12] el delikata[13] or'kolora sablo, la komfortaj[14] hoteloj, kampad'ejoj kaj privataj loĝejoj, abundo[15] da fruktoj kaj aliaj produktoj de la bulgara tero altiras, ĉiu-jare, milionojn da turistoj[16].

En malgranda artikolo kiel la mia, oni ne povas pri-skiribi la belaĵojn de Bulgario, la gastamon de ĝia nobla kaj gaja popolo; kaj ni eĉ ne bezonas fari tion, ĉar Bulgario estas jam bone konata al esperantistoj. Samideanoj, el diversaj Eŭropaj landoj, mult'nombre gastas ĉe siaj bulgaraj amikoj. La Esperato-movado en Bulgario staras sur unu el la unuaj lokoj en la mondo. La angla esperantisto *Herald Toms* diris al ni:

„Mi havas la impreson[17], ke en *Sofio, Varna, Karlovo* kaj aliaj urboj kaj vilaĝoj de via lando, oni povas renkonti esperantistojn preskaŭ sur ĉiu paŝo."

Efektive, la *Bulgara Esperantista Asocio* nombras 7000 membrojn; la el-donado de gazetoj *(Paco, Bulgara Esperantisto, Interligilo* kaj aliaj) estas ĉiam vigla. La partopreno de bulgaraj esperantistoj en internaciaj kongresoj kaj aliaj aranĝoj estas amasa; la bulgara Esperanto-teatro ĝuas bon'famon inter la Esperanto-rondoj.

Mi vokas al la legantoj de la gazeto „Juna Amiko":

Vizitu Bulgarion kaj kon'atiĝu kun la bulgara popolo, kun ĝia viv'maniero, ekonomio, alta kulturo, arto kaj literaturo, kun ĝia socia progreso.

Ni ne dubas, junaj amikoj, ke vi ek-amos la bulgaran popolon, kaj ke vi denove kaj denove deziros gasti en nia malgranda, sed rav'anta lando!



Mi finas la artikolon per vers-aĵo de el-stara bulgaro: *Ivan Vazov.*

*SE VI MIN DEMANDAS*

*Se vi min demandas, kie*
*min ek-vidis la aŭror'*[18],
*kie estas tiu lando,*
*kiun amas mia kor' —*

*mi respondas: tie fluas*
*de Danubo la akvar';*
*tie oriente lumas*
*kaj bruegas Nigra Mar'.*

*Bulgario, mia kara,*
*lando, kiu nutris*[19] *min,*
*lando plena de bonaĵoj,*
*kore mi salutas vin!*

Tradukis: *M. Ljubin*

5. sovaĝaj porkoj/ 6. speco de rabo-bestoj/ 7. malsupro; piedo/ 8. granda unueca parto de lando/ 9. hel'bluo/ 10. ne-forta; agrabla/ 11. trankvila/ 12. apud-borda sabla sunum'ejo/ 13. kon-sistanta el malgrandaj er'etoj/ 14. kun ĉio necesa/ 15. riĉeco/ 16. homoj, ki-uj vojaĝas por plezuro/ 17. efikon en la koro, en la animo/ 18. maten'iĝo/ 19. donis manĝon.

ABC POR KOMENCANTOJ

## Proverboj

*Vulpo*[1] *mienon*[2] *ŝanĝas, sed plue kokidojn manĝas.*

*Pli facile estas malbonon evi-ti ol korekti.*

*Kio servas por ĉio, taŭgas por nenio.*

*Kiu kaptas tro vaste, konser-vas malmulte.*

1. ruĝe-flava rabo-besto kun lon-ga vosto/ 2. vizaĝ'esprimo.

PIEDNOTOJ
AL EZOPA FABLO

1. akre mal-pacis/ 2. inciti: igi iun kolera per mokoj aŭ ataketoj/ 3. malsaĝe/ 4. trumpeto: blov'muzik-ilo/ 5. fera pikilo, fiksebla sur boto, por rapidigi ĉevalon/ 6. paf-il'ego/ 7. ĉi tie: malebena/ 8. tir'eg'adis/ 9. blekis ĉevale/ 10. re-manĝo de herbo/ 11. organo de pensado/ 12. militestro/ 13. sin montras en festa aspekto/ 14. manĝaĵo/ 15. igis manĝi herbon/ 16. malgaje; malvigle/ 17. blekis azene: i-a, i-a/ 19. ĉirkaŭ-turn-adis/ 20. malgravaĵoj.

# EZOPA FABLO

## de Kálmán Kalocsay



*La ĉeval' kaj bovo, ie,*
*ek-disputis[1] energie*
*pri l' merito*
*en milito.*

*Diris la ĉeval' incite[2]:*
*„Eh, malsprite[3]*
*estus dubi nian gloron*
*kaj valoron.*
*La ĉevaloj*
*al bataloj*
*kuri ĉiam estis pretaj*
*je l' trumpetaj[4]*
*sonoj,*
*(iom helpis ankaŭ spronoj[5]).*
*Kaj la ŝarĝon de l' kanonoj[6],*
*tra abruptaj[7] ŝtonoj,*
*kiuj trenis[8]?*
*Nur ni!" — la ĉevalo henis[9].*

*Bov' respondis dum re-maĉo[10]:*
*„Ĉevalaĉo!*
*Vi ja vane fanfaronas;*
*ĉar ni donas*
*tamen la plej grandan servon!*
*Ja al si la cerbon[11]*
*la marŝalo[12] vane rompas,*
*vane pompas[13]*
*la kuraĝo,*
*se l' furaĝo[14]*
*mankas.*
*Kaj al kiu dankas*
*la viandon la soldat' malsata?*
*Al la bovo malŝatata!*
*Via gloro sole ŝajnas;*
*ĉiun venkon bovo gajnas."*

*Paŝtis[15] sin, melankolie[16],*
*ankaŭ la azeno, tie.*
*Ĝi malplaĉe aŭdis,*
*ke sin ili laŭdis.*
*Ĝi iais[17]*
*kaj balais[19]*
*la aeron per oreloj,*
*kaj ekkriis: „Bagateloj[20]!*
*Jen la vero:*
*sur la Tero,*
*se azenoj ne amasus,*
*la milit' eĉ ne okazus!"*

ABC POR KOMENCANTOJ

*Karel Čapek*

# LA MORTO D

La morto de Arĥimedo ne okazis precize tiel, kiel oni kutime priskribas ĝin. Fakte, li estis mortigita, kiam Romianoj milit'akiris la urbon Sirakuzo; sed ne estas ĝuste, ke Romia soldato en-iris ĉe lin por rabi[1], kaj ke Arĥimedo, absorbita[2] per la desegno de la geometria[3] problemo, ek-murmuris: „Ne difektu miajn cirklojn[4]!"

Unue, Arĥimedo ne estis distriĝema[5] profesoro[6]; male, laŭ karaktero[7], li estis vera soldato, kaj li inventis[8], por Sirakuzo, militmaŝinojn. Due, tiu Romia soldato ne estis rabanto, sed klera[9] cent-estro[10] Lucio, kiu sciis, kun kiu li parolas. Li en-venis kaj salutis soldate sur la sojlo[11]: „Estu sana Arĥimedo!"

Arĥimedo levis la okulojn de sur la vaksa[12] tabuleto, sur kiu li jus desegnis ian geometriaĵon, kaj li diris: „Nu, kio?"

„Arĥimedo", diris Lucio, „ni scias ke, sen viaj militmaŝinoj, Sirakuzo ne estus sin defendinta eĉ dum unu monato. Ni, soldatoj, ni scias alte taksi tion. Brilegaj maŝinoj. Gratulon!"

Arĥimedo man'svingis[13]. „Nemenciidaj. Ordinaraj ĵet'mekanismoj[14], preskaŭ ludiloj. Science, ili *ne* havas konsiderindan valoron."

„Sed milite: jes", opiniis Lucio. „Aŭdu, Arĥimedo! Mi venis pro-



poni al vi, ke vi laboru kun ni."

„Kun kiuj?"

„Kun ni, Romianoj. Vi devas, fine, vidi, ke Kartago dekaden-

# E ARĤIMEDO




cas[15]. Kial do helpi al la Kartaganoj? Vi devus, prefere, iri kun ni."

„Kial?" murmuris Arĥimedo.

„Ni, Sirakuzanoj, estas grekoj. Kial ni devus iri kun vi?"

„Ĉar vi vivas en Sicilio; kaj ni bezonas Sicilion."

„Kaj . . . kial vi bezonas ĝin?"

„Ĉar ni volas regi super Mediteraneo[16]."

„Aha," diris Arĥimedo, „kaj . . . por kio vi volas tion?"

„Kiu estas la mastro super Mediteraneo," diris Lucio, „tiu estas la mastro de la *mondo*. Tio estas klara."

„Kaj . . . ĉu vi *devas* esti la mastroj de la mondo?"

„Jes. La misio[17] de Romio estas: estiĝi la mastro super la mondo. Kaj ni iĝos tiu."

„Eble," diris Arĥimedo, „sed mi *ne* konsilus tion al vi, Lucio. Aŭdu! Esti la mastro super la mondo — tio iam kaŭzos al vi teruregan defendadon. Domaĝe pri la laboro, kiun vi havos."

„Estas egale. Sed ni estos granda regno[18]."

„Granda regno," murmuris Arĥimedo. „Se mi desegnas grandan cirklon, aŭ malgrandan, ili ambaŭ estas nur cirkloj. Ĉe ambaŭ estas limoj, Lucio. Ĉu vi pensas, ke vi estas *pli* granda geometro, se vi desegnas *pli* grandan cirklon?"

„Vi, grekoj, ĉiam ludas per argumentoj[19]," kontraŭ-diris Lucio. „*Ni* pruvas nian veron ali'maniere."

„Kia-maniere?"

„Per agoj. Ni okupis, ekzemple, vian Sirakuzon."

„Sed ĝi jam ne plu estas la iama Sirakuzo, kaj ĝi neniam plu estos la iama. Ĝi estis granda kaj glora[20] urbo. De nun, neniam ĝi ree estos granda. Domaĝe pri Sirakuzo !"

„Sed Romio estos granda. Romio devas esti la plej forta en la tuta mondo."

„Kial?"

„Por esti kapabla kontraŭstari. Ju pli fortaj ni estos, des pli da malamikoj ni havos. Tial, ni devas esti la plej fortaj."

„Kio koncernas[21] la forton," murmuris Arĥimedo, „mi estas fizikisto, Lucio; kaj mi diras ion al vi: forton blokas[22] forto."

„Kion vi volas diri per tio?"

„Nenion. Mi scias nur, ke *forton blokas forto.*"

„Aŭdu, Arĥimedo, ĉu vi volus labori por tio? Kiel grandaj eblecoj malfermiĝus antaŭ vi, en Romo. Vi konstruus la plej fortajn militmaŝinojn en la mondo."

„Pardonu, Lucio. Mi estas maljuna viro; kaj antaŭ ol morti, mi volus ankoraŭ ellabori unu aŭ du el miaj pensoj."

„Arĥimedo, ĉu ne logas[23] vin akiri kun ni regadon super la mondo? — Kial vi silentas?"

„Pardonu", murmuris Arĥimedo super sia tabuleto. „Kion vi diris?"

„Mi diris ke homo, kia vi estas, povus celi la mond'regadon."

„Hm, la mondregado", diris Arĥimedo. „Ne koleru; sed mi havas ion pli gravan, ion pli daŭran. Io, kio vere post-restos."

„Kio ĝi estas?"

„Atentu, ne for-viŝu miajn cirklojn! Rigardu: jen la maniero el-kalkuli la areon[24] de cirkla sektoro[25]." — —

Pli poste, estis el-donita oficiala raporto, ke Arĥimedo perdis la vivon . . . hazarde.

El la ĉeĥa tradukis:
*J. Vondroušek*
Adaptis: *G. Kurucz*

1. per forto for-preni ies havaĵon/ 2. sin-forgese okupita/ 3. la scienco, kiu okupiĝas pri lim'igitaj linioj kaj spacoj/ 4. geometria rondo/ 5. forgesema pri profunda pensado/ 6. instruisto en supera lernejo/ 7. aro da gravaj homaj ecoj distingaj/ 8. el-pensis; el-trovis; kreis per pensado/ 9. multe-scia; saĝa/ 10. alt'ranga soldato en Romio/ 11. malsupra lignajo de la pordo-kadro/ 12. vakso: blanka aĵo, facile formebla/ 13. man'signis por esprimi malkonsenton/ 14. jet'aparato simpla/ 15. perdas la forton; malfortigas/ 16. la Meza Maro/ 17. nobla kaj ĉefa tasko/ 18. ŝtato/ 19. pruvoj/ 20. flor'anta kaj heroeca/ 21. se temas pri; rilatas/ 22. malhelpas agi/ 23. al-tiras/ 24. supraĵo/ 25. trančaĵo el cirklo.

# KANTU!

## TAGIĜO

Poemo de *A. GRABOWSKI* Muziko de *BARANSKI—A. PECHÁN*



LA RUBRIKON[1] GVIDAS:
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289
290 01 PODEBRADY
*Ceĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!

# Klubo de Legantoj

■ El ĉiuj niaj kluboj, la klubo „Gajaj humuruloj" (Berlin, *GDR*) estas la plej fervora[2]. Ili regule sendas al ni siajn interesajn raportojn. En la proksima numero de „Juna Amiko", ni nepre prezentos ion de ili.

■ Antaŭ la fino de kluba kun-veno, vi povas proponi tiun ĉi ludon: ĉiu klubano havas antaŭ si la inicialojn[3] de la ĉeest'antoj (ili povas esti ankaŭ skribitaj sur tabulo, por ke ĉiu vidu ilin). Ĉeestas, ekzemple: *Vojtech Bobra, David Kelin, Rudolf Loren, Ferdinand Somara* kaj *Ŝuke Tranoski*. Do, ĉiu vidas antaŭ si sur la tabulo: *VB, DK, RL, FS, ŜT*. La ludon komencas, ekzemple, Vojtech Bobra. Li diras laŭte: Mi serĉas *f*lavan *s*imion. Do, tio estos *F*erdinand *S*amora, kiu vokas plu: Mi serĉas *d*ormeman *k*aton. Kaj vi jam certe scias, kiel la ludo iras plu.

Alia ebleco estas, ke oni diras *o*-vorton kun *i*-vorto, ekzemple: *r*edaktisto *l*aboras. En tiu okazo, vok'ita estas *R*udolf *L*oren. Kiu ne plenumas la taskon, tiun oni „punas" laŭ inter-konsento.

■ *Ĉiu klubano kaj leganto de „Juna Amiko" helpu al ni!*

*Nia leganto Ksaver Ipsilon (li ofte skribas nur X. Y.) skribis al ni; sed, ŝajnas al ni, ke li mallerte mensogas[4]. Li sen-dube estis nenie en la somero, kaj nur el-pensis ĉion; sed, videble, li ne konas la geografion[5]. Korektu, do, liajn erarojn, kaj sendu al ni la tekston[6], por ke ni atentigu la mensogulon. Ni atendas viajn korektojn ĝis la fino de decembro 1976.*

*Kara ĵurnalo „Juna Amiko"!*

*Mi informas vin, ke mi pasigis la ĉi-jaran liber'tempon sur la duon'insulo Islando en Pacifiko. Tiu ĉi duoninsulo ligiĝas nur per mallarĝa ter'kolo al Hindio. Mi ne estis en la ĉef'urbo Budapest, mi ĝin vizitis nur dum du tagoj. Mi loĝis en la urbo Venecio, kie — en kelkaj stratoj — estas akvo, kaj oni iras tie per boatoj[7]. La urbo troviĝas sur la bordo de la Nigra Maro. (Tiel nomiĝas tiu parto de Pacifiko.) Mi lernis la japanan lingvon, kiun oni parolas en Islando. Super la urbo Venecio, alte staras la vulkano[8] Popokatepetl; sed ĝi estis trankvila. Dum la pli-multo da tagoj, mi kuŝis sur sablo, sub daktilo-palmoj[9], kaj sun'umis. Mi vizitis ankaŭ la proksimajn piramidojn[10]. Tien mi veturis sur elefanto. Reen, mi uzis sub-teran fer'vojon. Dum du tagoj, mi ankaŭ helpis rikolti kafon. Salutas via diligenta leganto.*

X. Y.

1. parto, angulo en gazeto/ 2. ag'ema, diligenta/ 3. komenc'literojn/ 4. diras malveron/ 5. scienco pri Tero kaj pri ĝiaj popoloj/ 6. skribaĵon/ 7. ŝipetoj por unu aŭ du personoj/ 8. fajro-monto/ 9. arbo-speco de varmega ter'zono/ 10. altega pinta tombo-domego de pra-tempaj egiptaj faraonoj.

# *LAJOS TARKONY*

*Lajos Tárkony (lajoŝ tarkonj), antaŭe: L. Totsche, estas el-stara literaturisto: poeto[1], tradukisto kaj kritikisto. Milda[2] voĉo kaj profunda doloro pro maljust'aĵoj[3] inter-homaj karakterizas[4] lin.*



## Esperanto signifas por mi...

Esperanto min al-tiris en printempo, en mia 16-jara aĝo. Min kaptis la dolĉa sonoro[5] de la lingvo kaj ĝia facila kompreniĝo, granda avantaĝo[6] antaŭ la lingvoj latina kaj greka, kiujn mi lernis en la gimnazio[7]. Kaj jam tiam, mi ek-sentis la idealan[8] bonon, kiun ĝi al-portos al la homaro. Mi ĵetis min al lego de Esperanto-gazetoj, al korespondado kun membroj de la „verda familio". La poŝto alportis al mi leterojn kaj poŝt'kartojn el kvin mondo-partoj; mi inter-ŝanĝis librojn, revuojn, vojaĝis al Esperanto-kongresoj.

Poste venis miaj unuaj literaturaj provoj, recenzoj[9], studoj, tradukoj versaj kaj prozaj[10]; miaj unuaj versoj, mia stud'libro pri karaj, grandaj talentoj[11] de la Esperanto-literaturo; kaj venis la ne-forgeseblaj redakciaj[12] kun-venoj de la kara kamarada rondo: *Literatura Mondo*.

Sub sufoka[13] milita atmosfero[14], en mia kresk'anta izolo[15], da dolĉeco de la Esperantaj rimoj[16], la ne-superebla esprima klareco de la lingvo, ĝia pura, simbola donaco por la homaro estis mia sola konsolo.

Mi kredas: Esperanto helpos la homaron al nova, beata[17] vivo sur ĉi tiu ter'globo. El la multaj obstakloj[18], kiuj ankoraŭ malhelpas ĉi tiun novan vivon, Esperanto venkos unu el la plej gravaj: la lingvan ne-komprenon.

Ho Esperanto, kiam vi venkos glore, memore vi gardos ankoraŭ la vibron[19] de ĝojoj kaj tristoj[20] de l' fruaj kantistoj:

*Kaj inter ili, eble*
*kun-tremos feble[21]*
*la post-morta vibro tarda[22]*
*de mia koro arda[23]*

*Lajos Tárkony*
*Budapesto, la 29-an de maj 1975.*

PIED'NOTOJ sur la 19-a paĝo

# KOMENCO de la FER'VOJOJ



En la pas'inta jaro, oni festis la 150-an dat'revenon de la komenco de la fervojoj. La 27-an de septembro 1825 ek-funkciis la unua publika vapor'fervojo en la mondo. Ĝi tra-pasis 43 kilometrojn, de *Stockton* al *Darlington*, en norda Anglio.

Antaŭ tiu dato, ekzistis fervojoj precipe por porti karbon en kaj el la minejoj[1]. Kutime, la vagonojn tiris ĉevaloj, kvankam kelkfoje vapor'maŝinoj; sed, antaŭ la jaro 1825, ĉi tiuj estis fiksitaj maŝinoj, kaj tute ne „lokomotivoj"[2].

La unua vapor'lokomotivo, kiu tiris vagonojn laŭ la linio inter Stockton kaj Darlington, nomiĝis „Locomotion n-ro 1", kaj ĝi estis el-pensita kaj konstruita de brila inĝeniero[3], nomita *Georgo STEPHENSON* (:stiv'ns'n). Ankoraŭ nun, oni nomas lin „la patro de la fervojoj".

Li naskiĝis en karbo-mineja vilaĝo de norda Anglio, en 1781, kaj neniam vizitis lernejon, krom maljunan virinon, kiu instruis al lokaj infanoj la elementojn de legado kaj de aritmetiko[4]. Li komencis labori en la aĝo de 8 jaroj; kaj kiam li estis 10-jara, li laboris malsupre, en karbominejo, dum la tuta tago. Jam dum tiuj tagoj, lia inventemo[5] estis evidenta[6]. Li proponis pli-bon'igojn de minejaj maŝinoj. Li fariĝis mineja inĝeniero, inventis sen-danĝeran lampon por la ministoj, kaj konstruis lokomotivojn, por ke ili tiru la karbo-vagonojn. Fine, en 1821, li fariĝis ĉef'inĝeniero de la fervojo de Stockton kaj Darlington, kaj for-lasis la minejon.

ABC POR KOMENCANTOJ

En 1826, do ĝuste antaŭ 150 jaroj, li fariĝis ĉefinĝeniero de nova fervojo, konstru'ota inter *Manchester* kaj *Liverpool*. Li mem respond'ecis pri la konstruado de la fervojo tra granda marĉo[7], kiun neniu, antaŭe, sukcesis tra-iri. Tiu tasko daŭris tri jarojn; kaj, kiam tiu fervojo estis finita, li partoprenis en konkurso, por konstrui la plej bonan lokomotivon. La premion de 500 pundoj[8] (tre granda sumo tiu-tempe) gajnis lia lokomotivo „The Rocket" (La Raketo[9]).

Tiel komenciĝis la mond'vasta reto da fervojoj, kiun ni akceptas nun, kvazaŭ sen-pense, kiel parton de la moderna vivo!

*J. H. Sullivan (Anglio)*

1. sub-tera loko, de kie oni el-fosas karbon/ 2. maŝinoj, kiuj moviĝas sur fer'vojo kaj tiras vagonojn/ 3. homo, kiu konstruas maŝinojn, vojojn, pontojn k. t. p./ 4. scienco pri la nombroj kaj la kalkulado/ 5. povo el-pensi ion novan/ 6. klare vid'ebla/ 7. tre mola kaj tre malseka tero/ 8. brita mon'unuo/ 9. arta fajraĵo, kiu pafiĝas en la aeron kaj tie eksplodas.

ABC POR KOMENCANTOJ

## Alte flugi

*„Kion vi volas ĉi tie, inter la nuboj?" demandis aglo[1] al vigle kant'anta alaŭdo[2]. „For-iĝu! Kiu havas sian neston[3] sur la tero, tiu restu tie! Ĉi tie, en la alteco, estas la mondo de la agloj!"*

*La alaŭdo ne cedis[4]:*

*„Vi ne pravas. La aero en la alteco apartenas ne nur al la agloj, sed al ĉiuj birdoj. Ĝi do apartenas ankaŭ al mi. Demando estas ne pri tio, kiu naskiĝis kaj kie — ĉu inter rokegoj[5] aŭ sur la tero — sed sole pri tio: kien iu povas flugi per siaj propraj flugiloj."*

*János Dorosmai (Hungario)*
Tradukis: *Valéria Szabó*

1. granda rabo-birdo; la „reĝo" de la birdoj/ 2. malgranda kampara kant'birdo/ 3. loĝejo de birdo/ 4. cedi: ne kontraŭ-stari; konsenti/ 5. ŝtonegoj de montoj.

SEN KOMPLIKO[1], SEN KOLIKO[2]: ESPERANTO-GRAMATIKO[3]

## 2. Adjektivo[4]

Lernu plian vorto-specon!
Ni, per ĝi, esprimas econ.
Mi prezentas adjektivon;
ĝi difinas[5] substantivon[6].
Adjektiv' finiĝas per
sono „A" kaj „A"-liter'.
Jen ekzemplo post ekzemplo:
Tre malnov*A* grek*A* templo[7],
alt*A* arbo,
dens*A* barbo[8],
blank*A* neĝo, nigr*A* karbo,
prav*A* pruvo, ruĝ*A* vang'[9],
gong*A*[10], sving*A*[11], long*A* lang'.
Adjektiva vort' plurale[12]
uzas ĉiam „J"-on egale
kiel vorto substantiva.
Same kaz' akuzativa[13]
konsonanton „N"-o al-prenas.
Vort'kombinoj[14] taŭgaj jenas:
Gras*AJ* kaĉoj[15],
aĉ*AJ* klaĉoj[16];
sat*AJN* katojn,
nigr*AJN* blatojn[17].

*Romano Grinŝpan (Sovetunio)*

1. malsimpleco/ 2. ventro-doloro/ 3. regularo pri lingvo/ 4. vorto kun la finaĵo *a*/ 5. pri-skribas/ 6. vorto kun la finaĵo *o*/ 7. preĝejo/ 8. hararo sur parto de vira vizaĝo/ 9. ĉiu el la du flankoj apud la buŝo/ 10. malakre-sona; longe-sona/ 11. mov'iĝ'ema; turn'iĝ'ema/ 12. en multe-nombro/ 13. *n*-fina vorto/ 14. kun-meto de vortoj en ĝustaj ordo aŭ formo/ 15. densa dis-premita manĝaĵo/ 16. malbonvolaj, malafablaj diroj/ 17. speco de insekto.





# BAM

## La plej granda fer'vojo de la 20-a jar'cento

*Vi certe scias, ke en la norda parto de la Azia kontinento etendiĝas grandega lando, nome Siberio. Nun-tempe, oni konstruas tie tre longan fervojon, kiu komenciĝas ĉe la urbo Ust-Kuto (nord'okcidente de la Siberia lago Bajkalo) kaj finiĝos apud la urbo Komsomolsko Amura. Pro tiuj du ekstremaj[1] punktoj, la fervojo ricevis la nomon BAM, kiu estas mallongigo de Bajkala—Amura Magistralo („magistralo" estas latin'devena rusa vorto, kun la signifo: ĉefa vojo). Ĝi estos 3144 kilometrojn longa.*

*La konstruado de BAM estigos grandajn malfacilaĵojn, ĉar, ĝi pasos tra arbaregoj, montoj, marĉoj[2] kaj, parte, sur eterne[3] frostaj[4] grundoj[5]. Vintre, en la regionoj de BAM, oni devas labori en akra frosto (ĝis 50° C sub nulo!).*

*Estos necese konstrui 3200 inĝenierajn konstruaĵojn, inkluzive[6] 200 grandajn pontojn kaj 5 tunelojn[7], inter kiuj la plej granda, la tunelo Severo-Mujski havos longecon de 15 kilometroj. Krom la granda BAM, oni konstruas meridianan[8] „malgrandan" BAM, kiu iam atingos la bordon de la Glacia Norda Maro.*

*En la regionoj de la fervojoj, nun konstruataj kaj ankoraŭ konstruotaj, troviĝas grandegaj riĉaĵoj: senlima tajgo kun milionoj da kubo-metroj da ligno; gigantaj kvantoj da karbo, kupro, nafto, natura gaso, koloraj kaj feraj ercoj, asbesto kaj aliaj minaĵoj. BAM ebl'igos ekonomian ekspluatadon de la tuta grandega teritorio (ĉirkaŭ unu miliono da kvadrataj kilometroj!). 45 novaj junaj urboj aperos kaj dis-floros en la tajgo.*

*Laŭ la planoj, BAM estos fin'konstruita en 1982.*

*R. Grinŝpan* (Sovetunio)

1. finaj/ 2. lagoj el senflua densa koto/ 3. ĉiam/ 4. malpli varma ol 90° C/ 5. tero; sekaĵo; firmaĵo/ 6. en-havante en si, kiel parton de tutaĵo/ 7. arte-farita subtera koridorego tra monto/ 8. iranta al la ĉefa linio en angulo de 90°.



***Erika Linz (Aŭstrio)***

# PRI KABOKLOJ

(Laŭ persona tra-vivaĵo. Erika Linz vivis en Brazilo dum 40 jaroj.)

En Brazilo, ni vivis en arbaro; kaj tie niaj najbaroj estis kabokloj. „Kaboklo" estas indiana[1] vorto, kaj ĝi signifas: kuprokolora[2].

Iliaj praavoj aŭ avoj estis sud'amerikaj indianoj. De tio venas ilia haŭt'koloro[3]. La kabokloj ĉiam ankoraŭ konservas la ecojn de la praavoj. Ili vidas bonege, kaj konas la pied'signojn de ĉiuj arbaraj bestoj. Laŭ piedsignoj, ili divenas, ĉu la besto marŝis aŭ eĉ kuris, aŭ ĉu ĝi portis ion. Ili aŭdas bonege eĉ tre mallaŭtajn sonojn. Ili konas la voĉojn de la bestoj, kaj scias bonege imiti[4] ilin. Se bojas[5] hundo en la arbaro, kabokloj tuj konstatas[6], ekzemple: „Estas la hundo *Bilu,* de *Jozefo.* Aŭdu! Ĝi ĉasas pakaon[7]. Ha! Ĝi ne sukcesis kapti ĝin." Ĉion tion ili divenas el la sonoj de la hundo-voĉo.

Iam, mia filo *Harro* kaj mi iris sur la vojo al nia domo, kun *Narciso,* 5-jara kaboklo, filo de nia helpanto. Estis la tago de Sankta Benedikto. En tiu tago, estas granda festo en la mar'borda urbo *Caraguatatuba.* Matene multaj aŭtoj pasis al la festo. Ir'ante, Narciso rigardis al la tero, same kiel faras ĉiu kaboklo. Subite li ek-parolis kun ĝojo: „Hodiaŭ alvenis la kesto de sinjoro Aleksandro!" (Harro sciis, ke la patro aĉetis, por Narciso, belan turbon[8] en la ubro Saô Paŭlo, kaj ke ĝi baldaŭ al-venos en granda kesto.)

Harro kaj mi vidis multajn signojn de radoj. Ili nenion malkaŝis al ni. Sed mi sciis, ke en tiu sama loko, kie staris la knabeto, hodiaŭ matene haltis ŝarĝ'aŭtomobilo, kiu liveris[9] al ni ion, sed ne keston.

Harro demandis: „Ĉu vi aŭdis la ŝarĝaŭton, Narciso?"

„Ne, sed ĉi tie ĝi haltis", li respondis; kaj, antaŭ ni, li rapide sekvis piedsignojn tute ne-videblajn sur la seka vojeto, kiu kondukis supren, al nia domo. Sed baldaŭ li haltis, kaj diris malgaje: „La ŝoforo[10] ne portis la keston."

Nun mi demandis sci'voleme: „Nu, kial vi pensas, ke li ne alportis la keston?" Vere, ni ambaŭ memoris, ke la ŝoforo, hodiaŭ matene, ĝuste tien metis pezan sakon, por ripozi dum momento.

Nun mi volis scii, ĉu la knabo vidos el la piedsignoj ankaŭ tion, kien la homo portis la sakon; ĉar mi supozis[11], ke la knabo iros al la unua korto, tra kiu ni kutime en-iris la domon. Sed tute ne. Li sen-hezite[12] preter-pasis tiun korton, kaj haltis post kelkaj pluaj paŝoj, dirante:

„Ĉi tie, sinjoro Aleksandro trans-prenis la sakon, kaj ĝin portis tien."

Li montris al la deponejo[13], kie fakte troviĝis la sako.

Sur tiu loko, Harro (kaj ankaŭ mi) vidis du-one malaperintan piedsignon; sed ni ne povis konstati, ke tiun signon post-lasis *alia* ŝuo, kaj ke *dua* viro portis la sakon.

La juna kaboklo tute ne rimarkis, ke lia kapablo „legi el piedsignoj" estas miriga afero.



1. indiano: ano de la pra-loĝantoj de Ameriko/ 2. kupro: ruĝebruna metalo (Cu)/ 3. haŭto: viva tegaĵo de la homa korpo/ 4. kopii ies voĉon, ies movojn/ 5. blekas kiel **hundo/ 6.** venas al solvo; divenas/ 7. besto en praarbaro de Suda Ameriko/ 8. ludilo, kiu rapide turniĝadas kaj zumetas/ 9. portis al iu/ 10. kondukisto de aŭtomobilo/ 11. opiniis; trovis ver'ŝajna/ 12. sen ŝanceliĝo/ 13. krom-domo por laboriloj.

PIED'NOTOJ al „Esperanto signifas por mi . . . "

1. versisto/ 2. agrabla; ne-akra/ 3. justa: tia, ke li konsideras ĉiun homon egala/ 4. konsistigas la ĉefajn ecojn de iu/ 5. daŭra agrabla sonado; muziko/ 6. tio, kio rezultigas gajnon, kio havas pli da utilo ol io alia/ 7. speco de mez'lernejo/ 8. sen-manke perfekta/ 9. mallonga kritiko pri verko, en gazeto/ 10. ne-versa/ 11. talento: kapableco krei; ĉi tie: talentulo/ 12. redakt'ist'ara/ 13. mortiga pro aero-manko/ 14. aero-tavolo ĉirkaŭ la tero; ĉi tie: kondiĉaro/ 15. soleco/ 16. kun-sonoro de verso-finoj/ 17. ĉiele feliĉega/ 18. malhelp'aĵo/ 19. ĉi tie: memoro/ 20. malĝojo/ 21. malforte/ 22. malfrua/ 23. brule varma.

# KASTORA LETERO
## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Jen ni denove staras antaŭ la pordo de nova lerno-jaro; kaj estas mia plezuro deziri al vi ĉiuj „Ĉion bonan!"*

*Oni ofte diras, ke la komenco de nova jaro estas tempo por fari bonajn decidojn; mi do volas proponi du bonajn decidojn al vi, nome: (a) daŭre abonu al JUNA AMIKO kaj konigu ĝin al aliaj junuloj, kaj (b) — por ĉiuj, krom la Oraj Kastoroj — faru vian eblon atingi pli altan gradon[1] de Kastoreco! Aparte, se vi estas nur Kastoreto, ne forgesu, ke vi rajtas resti en tiu grado dum nur unu jaro! Post tio, se vi ne jam atingis la „brunan" gradon, vi eks-iĝos de la Klubo, kaj vi devos denove komenci vian Kastoretecon.*

HONORA[2] KASTORO

*„Honora Kastoro"* estas nova, speciala grado de membreco en la Klubo; ĝi estas por instruistoj kaj aliaj plen'kreskuloj, kiuj multe kaj daŭre helpis la Klubon, kaj ankaŭ por Kastoroj, post la aĝo de 18 jaroj, kiuj montris sin ekster-ordinare entuziasmaj klubanoj ĝis tiu aĝo. Mi antaŭ-vidas, ke ĉi tiu honoro estos malofte don'ata; sed, por komenci, mi tra-rigardis la tutan liston[3] da geinstruistoj kaj gekastoroj, kaj invitis la sekvantajn dek personojn akcepti la gradon de Honora Kastoro, pro daŭra helpo, aŭ pro entuziasmo pri nia Klubo. Jen, do, la unua listo de *Honoraj Kastoroj* (en alfabeta ordo):

Teresa *Bochenska*, Ora Kastoro (PL); M. *Majerczak*, Ora Kastoro (PL); Norman *Booth*, instruisto (GB); *M. Meijwes*. instruistino (NL); Barbara *Domanska*, Ora Kastoro (PL); Gabriella *Ősz*, instruistino (H); M. *Grochowska*, instruisto (PL); Gabrielo *Ősz*, Ora Kastoro (H); Danuta *Majerczak*, Ora Kastoro (PL); J. *Vincent*, instruistino (F).

KASTORO EDZIĜIS!

Kun la plej granda plezuro, mi ek-sciis, ke Jaromir HLAVKA (Jihlava, *Ĉehoslovakio*) edziĝis la 16-an de aŭgusto, al f-ino Jitka MYTISKOVÁ. Jaromir estis la unua membro de nia Klubo, kiam ĝi fariĝis internacia en 1964, kaj li fariĝis Ora Kastoro en 1966. Mi estas

certa, ke ĉiu Kastoro bon' leziros al la juna paro[4]. Mia-parte ĝojas pro tio, ke Jaromir memoris min, kaj sendis informon, kaj ankaŭ, ĉar li faris tion en Esperanto, kiun li tute ne forgesis!

## AG'EMA KASTORO

*De s-ino Meijwes (Honora Kastoro), mi ricevis novaĵon pri Bruna Kastoro, Bob Venhuizen, nun 18-jara. S-ino Meijwes skribis: „Li faras multe por Esperanto. Dank' al lia agado, Esperanto nun estas instruata en unu lernejo; kaj, post la ferioj, li propagandos[6] ĝin en aliaj lernejoj. Krome, li estas la prezidanto de la junulara grupo en nia urbo (Groningen, Nederlando), kaj ofte organizas semajno-finon kun germanaj ge-junuloj en Lohne. Li korespondas kun diversaj ge-samideanoj kaj, ĉi-jare, li vizitos la TEJO-kongreson en Fredericia, do li estas treege aktiva[7]." (9. 7. 1975.)*

## NIAJ PROMOCIITOJ[8]

Post la dato de redaktado de la septembra KASTORA LETERO, la jenaj Kastoroj atingis pli altajn gradojn:

Fariĝis ARĜENTAJ KASOTROJ:

Hideki *Tanii* (Japanio), Katalin *Pataki* (Hungario), Mária *Károly* (Hungario), Marie *Sidlakova* (Ĉeĥoslovakio), Alan *Bateman* (Britio).

Fariĝis BRUNAJ KASTOROJ:

Eiko *Uzaŭa* (Japanio), Marta *Faragó* (Hungario), Terumi *Nisimoto* (Japanio), Éva *Katona* (Hungario), James *Bateman* (Britio), Valerian *Simioniuc* (Rumanio), Dan *Moldovanu* (Rumanio), Ovidiu *Gafiteanu* (Rumanio), Ioana *Dungeau* (Rumanio), Doru *Bilic* (Rumanio), Ildikó *Csatlós* (Hungario), Krisztina *Dallos* (Hungario), Elizabeta *Kimmel* (Hungario), Ágnes *Kovács* (Hungario), Aleksandro *Kovács* (Hungario), Anikó *Somorjai* (Hungario), Johano *Stezák* (Hungario), Mária *Schleffer* (Hungario), Adalberto *Váczi* (Hungario), Valentino *Veres* (Hungario).

Ni kore gratulas ĉiujn!

## ATENTU!

Se vi havas membro-numeron antaŭ n-ro 619, kaj se vi ankoraŭ ne estas Bruna Kastoro, vi devos atingi tiun gradon antaŭ ol aperos la venonta „Juna Amiko", aŭ eksiĝi de la Klubo.

1. ŝtupo; pli-alt'iĝo en rango/ 2. honoro: alta estimo/ 3. nomaro/ 4. kun-aĵo el viro kaj virino/ 5. liber'tempo/ 6. entuziasme atentigos pri ĝi/ 7. agema/ 8. persono, kiu rang'altiĝis.

1. kavo: profundaĵeto/ 2. diris/ 3. homoj, kiuj kredas je la instruoj de Jesuo Kristo/ 4. higieno: publika sano.

## interesaĵoj

### HIGIENO[4]

En la 17-a jar'cento, pro bezonoj de la higieno, la urbestroj en Germanio devis ordoni al la gastej'estroj purigi *almenaŭ unu fojon en semajno* la trinkvazojn uzatajn en iliaj gastejoj.





### EKDE LA TRANĈILO ĜIS LA FORKO

*Nun-tempe tranĉilo, kulero kaj forko ĉiam troviĝas kune, sur la manĝo-tablo. Al multaj homoj povas ŝajni, ke tiuj tri iloj venis en la mondon sam'tempe. Ne okazis tiel. Jarmiloj for-pasis, antaŭ ol tiu tri-opo eniris en nian ĉiu-tagan vivon.*

*Unue aperis la pra-tranĉilo, jam en la antaŭ-historiaj tempoj. La kulero „naskiĝis" kiel dua. Komence, oni faris ĝin el ligno; poste, el metalo; kaj ĝi havis la formon de man'kavo[1].*

*Dum tre longa tempo, la tranĉilo kaj la kulero vivis duope, sen la forko. Ni scias, ke iam oni ĉiam devis preni kun si tranĉilon kaj kuleron, eĉ al la reĝa tablo.*

*La forko, la plej juna frateto, venis en uzadon antaŭ ĉirkaŭ 300 jaroj. Tiu-tempe, ĝi havis nur du branĉojn. En la komenco de la 17-a jar'cento, angla vojaĝanto menciis[2] al siaj sam'landanoj ke, en Italio, dum manĝado, oni uzas forkon; kaj li al-donis, ke „tia kutimo ne ekzistas ĉe aliaj kristanaj[3] popoloj."*

# ĈU VI ESTAS SPORTULO?



La plej bonaj sportuloj de la mondo ĵus renkontiĝis en *Kanado.*

Ĉu vi ŝatas la sportojn? Respondu sincere per „*jes*” aŭ „*ne*” pri la sekvaj demandoj!

1. Ir'ante al la lernejo, vi vidas homon kuri laŭ promenejoj de parko, en sporta kostumo[1]. Ĉu vi konsideras lin frenezeta[2]?

2. Ĉu profesiaj sportistoj partoprenas en la Olimpiaj Ludoj?

3. Por atingi vian lernejon vi devas piede iri dum 10 minutoj. Ĉu vi preferus preni aŭtobuson?

4. Ĉu vi ĉiam dormas ĉe ferm'ita fenestro?

5. Post neĝado, viaj amikoj venas, kaj vokas vin skiadi[3]. Vi estas leg'anta bonan libron. Ĉu vi dirus al ili: „Atendu! Atendu nur unu horon!”?

6. Ĉar vi trovas malvarmeta la akvon de rivero, ĉu vi preferus resti sur la bordo?

7. Via lerneja futbala (korbo-pilka k. t. p.) teamo[4] ludos hodiaŭ. Vi povos aĉeti bileton nur, se vi vendos vian novan kompason[5]. Ĉu vi preter-lasus la okazon?

8. En matĉo[6], via teamo akiris golon[7]. Vi vidis ĝin regula, sed la ludestro malakceptis la golon. Ĉu vi protestus[8]?

9. Ĉu ekzistas konkurso pri kajakado[9] je 10 000 metroj, en la Olimpiaj Ludoj?

10. Ĉu vi ĝojus se, en 100-metra rapid'kuro, la plej bona kuristo de la rivala[10] teamo glitfalus dum-voje?

Post ol respondi, rigardu la konstatojn[11] sur la 30-a paĝo!

1. vesto el du pecoj/ 2. malsaĝ'eta/ 3. skii: gliti sur neĝo per longaj mallarĝaj tabuloj/ 4. ĉiu el la du grupoj da sportuloj, kiuj inter-konkursas/ 5. ilo, kiu montras al nordo/ 6. sporta ludo/ 7. gajno-unuo/ 8. voĉe malakceptus; energie kontraŭ-dirus/ 9. kajako: malpeza kaj longa sporta veturilo sur-akva/ 10. rivalo: la plej danĝera konkursanto en sporto aŭ en alia afero/ 11. konstati: vidi kaj diri, ke io estas fakto.

ABC POR KOMENCANTOJ

# Malpur'iĝo de la homa medio[1]

Dum jar'miloj de sia historio, la homaro ellernis timi militon kaj epidemiojn[2]. Ili plurfoje tra-falĉis[3] ĉiujn kontinentojn. Kaj nun, kiam oni provas venki la unuan, kaj preventi[4] la duan, nova plago[5] minacas[6] ĉiujn vivulojn de la Tero: la malpuriĝo de la homa naturmedio.

Ne plu eblas fidi al la multkoloraj turismaj[7] fald'folioj[8], kiuj ankoraŭ reklamas[9] pri „blua" Rejno, „lazura"[10] Mediteraneo[11], delikateco[12] de japanaj ĝardenoj, ora sablo de Kaliforniaj strandoj[13]. Ne eblas fidi des pli, ke oni el-iras el la sama „blua" Rejno kun ekzemo[14] aŭ ventro-malsano, ke la „lazuro" de Mediteraneo grave malĉastiĝis[15] per petrolo, ke oni tusas ĝis sufokiĝo[16] en Tokiaj ĝardenoj aŭ en parkoj de Los-Anĝeleso kaj San-Paŭlo.

Neevit'eble al-kuras la pensoj: Kio okazos al niaj aero, akvo, grundo[17] — nia biosfero[18] —se oni ne haltigos la malpurigon?

Legu kaj pri-pensu la sekvajn timigajn ekzemplojn! Se vi malfermas la okulojn, vi ankaŭ trovos, bedaŭrinde, similajn.







# ĜIS KIA GRADO?

Oni nomas Rejnon la plej longa kloako[19] de Eŭropo. Ĉe la Nederlanda land'limo, Rejno portas grandegan kvanton[20] de kemiaĵoj. Ĉiu-tage fluas 31 800 tunoj[21] da kloridoj ($HCl$), 14 000 tunoj da sulfatoj ($H_2SO_4$), 9700 tunoj da kalcio ($Ca$), 3443 tunoj da magnezio ($Mg$) 2000 tunoj da nitratoj ($HNO_3$). Tiu kvanto estas sufiĉa por grave difekti kreskaĵojn kaj bestojn. En 1969, ekzemple, 300 tunoj da mort-intaj fiŝoj flosis[22] en la rivero. Jam hodiaŭ, en grandaj partoj de Nederlando, la akvo estas ne-trinkebla pro malbona gusto.

Japanoj uzas vorton „koogai", kiu troviĝas nur en la plej novaj vortaroj. *Koo* (=publika) kaj *gai* (=damaĝo[23]), kun met-aĵo por trafe esprimi tion, kio ŝajnas al la japanoj la plej prema demando pri la estonteco: la malpuriĝo de la aero, kaj de la riveroj.

Rapida malpuriĝo de la medio — en kiu vivas kaj laboras la japanoj — estas la prezo, kiun la lando devis pagi por sia mirinda ekonomia kresko.

Tokio akiris dubindan famon kiel la plej malpur'ig'ita urbo de la mondo. La kvanto de sulfura dioksido ($SO_2$) en la aero atingis rekordan[24] nivelon. Policistoj, kiuj direktas la trafikon, sin el-metas al grava danĝero pro daŭra en-spirado de aŭtaj gasoj.

Ne malpli danĝeraj estas la super-sonaj aviadiloj[25]. Ili flugas ne nur du-oble pli rapide, sed ankaŭ duoble pli alte (en alteco de 18000—20000 metroj). Ili penetras[26] la stratosferon, tute novan mondon, kie la kosmaj radioj estas multe pli intensaj[27] ol sur la mar'nivelo. Laŭ iuj Usonaj fizikistoj, supersonaj flugoj detruas[28] la ozonan[29] ŝirm'tavolon (en alteco de 12 ĝis 20 kilometroj).

Se la ozona denseco mal-pliiĝas je nuraj 5% (procentoj), la ultraviola dozo[30] pliiĝas je 26% sur la Tero, kaj tio povas renversi[31] nian tutan biosferon, endanĝerigi nian propran vivon!

*Homo sapiens!* Jen venis via tempo, kiam vi devas, por via propra ekzisto, agi multe pli saĝe kaj atenteme! Se vi detruos la natur'medion, vi detruos vin, ĉar vi estas ligita al ĝi per miloj da fadenoj[32] !

*Laŭ „Kontakto", centra revuo de TEJO*[33]

PIED'NOTOJ sur la 26-a paĝo!

# Kurioza[1] matematika problemo[2]

Vi scias, ke *ĉiu* infano de-venas de 2 gepatroj (unu patro kaj unu patrino), de 4 ge-avoj (du avoj kaj du avinoj), de 8 pra-geavoj (kvar pra-avoj kaj kvar pra-avinoj), de 16 pra-pra-geavoj, de 32 pra-pra-prageavoj, kaj tiel plu.

Kiam infano naskiĝas, la *meza* aĝo de ĝiaj du gepatroj estas proksimume 25 jaroj, tiu de ĝiaj kvar geavoj estas proksimume 50 jaroj, tiu de ĝiaj ok prageavoj estas proksimume 75 jaroj, kaj tiu de ĝiaj dek-ses pra-prageavoj estus (se ili ankoraŭ vivus) 100 jaroj.

Oni do povas diri ke, antaŭ *cento* da jaroj (proksimume), ĉiu *nuntempa* infano havis 2·2·2·2 = 16 pra-prageavojn — ni diru pli simple: 16 pra-gepatrojn. (Por ne kompliki[3] la kalkulojn, ni ne enkalkulas la 2 gepatrojn, la 4 geavojn kaj la 8 prageavojn.)

Antaŭ du centoj da jaroj, la nombro da pragepatroj estis (laŭ la sama kalkul'maniero): 16·16 =256 aŭ, *rond'*nombre, 250 pragepatroj. Antaŭ tri centroj da jaroj, la nombro da pragepatroj estis rondnombre: 250·16 = 4000. Antaŭ kvin centoj da jaroj, ĝi estis: 4000·16 = 64000. Antaŭ kvin centoj da jaroj, ĝi estis: 64000·16 = 1 000 000 (unu miliono), rondnombre. Antaŭ ses centoj da jaroj, ĝi estis: 16 000 000 (16 milionoj). Antaŭ sep centoj da jaroj: 250 milionoj. Antaŭ ok centoj da jaroj: 250·16 = 4000 milionoj, tio estas: 4 miliardoj. Antaŭ naŭ centoj da jaroj: 4·16 = 64 miliardoj. Kaj antaŭ *milo* da jaroj, rondnombre: 1000 miliardoj!

Nia kalkulado certe estas ĝusta. Sed ĉu tiu giganta[4] rezulto estas ebla? Certe ne! Ĉar, laŭ la sciencaj statistikoj[5] de la instituto[6] Smithsonian,

PIED'NOTOJ al „Ĝis kia grado?"

1. la naturo, kiu nin ĉirkaŭas/ 2. epidemio: malsano, kiu trafas samtempe multajn homojn, kaj kiu trans-doniĝas de homo al homo/ 3. falĉi: de-tranĉi herbon; ĉi tie: amase mortigi/ 4. antaŭ-malhelpi/ 5. malfeliĉ'iga okazaĵo/ 6. el-montras malbon'volon al iu/ 7. turismo: vojaĝado por plezuro/ 8. faldi: plur'oble kun-meti tukon, paperon/ 9. dis-krias/ 10. ĉiel'blua/ 11. maro inter Eŭropo kaj Afriko/ 12. delikata: plaĉa per sia ne-ordinara beleco/ 13. sabla bordo por sun'um'antoj/ 14. ruĝecaj punktoj sur la korpo pro malsaniĝo/ 15.

antaŭ mil jaroj vivis ne pli ol 320 milionoj da homoj. En-tute, de post la apero de la homoj sur nia planedo[7] (tio estas, proksimume, antaŭ unu miliono da jaroj) vivis, ĝis la nuna tempo, ne pli ol 100 miliardoj da homoj.

Tio estas vera enigmo. Ĉu vi povas solvi ĝin? Se *ne*, petu helpon de viaj amikoj, gepatroj, parencoj kaj konatoj, kaj sendu vian respondon al la redaktisto de nia gazeto (s-ro G. Kurucz, Hitel u. 10. fszt. 16., H-6000 Kecskemét, Hungario)! La plej bonajn respondojn ni publikigos. — Ne forgesu diri al viaj konatoj, ke vi trovis tiun kuriozan problemon en la interesa Esperanto-gazeto „Juna Amiko"!

Eble, vi bon'volos traduki ĉi tiun artikolon en vian nacian lingvon (al-donante la frazon: Traduko de artikolo aperinta en „Juna Amiko", la gazeto de lernejanoj, kiuj lernas la internacian lingvon Esperanto) kaj sendi ĝin al ĵurnaloj kaj gazetoj, kun la peto bonvoli publikigi ĝin Se vi sukcesos, sendu al ni el-tond'ajon el la koncernaj jurnaloj kaj gazetoj!

Originale[8] verkis:

*Albert Lienhardt (:linhart)*
(Francio)

1. intereso-veka per sia ekster-ordinareco/ 2. malfacila demando aŭ tasko/ 3. malfacil'igi; malsimpl'igi/ 4. grandega; altega/ 5. statistiko: tabelo kun precizaj nombroj, kiuj montras la kreskon aŭ malkreskon de io/ 6. oficejo de organizaĵo/ 7. ĉiel'korpo/ 8. sen-traduke.

perdis sian purecon/ 16. morto pro manko de aero/ 17. tero/ 18. la viv'ul'aro, kiu nin ĉirkŭas/ 19. akvo-tubo aŭ arta rivereto, laŭ kiu for'fluas malpuraĵoj de urbo/ 20. kvanto: pli aŭ malpli granda mezuro da aĵoj/ 21. tuno: 1000 kilogramoj/ 22. pasis sur-akve laŭ la fluo/ 23. malutilo; malgajn'aĵo/ 24. rekordo: la plej supera atingo en sporto/ 25. flug'maŝinoj/ 26. en-iras/ 27. intensa: grand'efika/ 28. difektas; malbon'igas/ 29. ozono: $O_3$/ 30. kvanto por unu fojo/ 31. ĉesigi egal'pezon/ 32. fadeno: maldika ligilo/ 33. Tut'monda Esperantista Junulara Organizo.

# Ludu ŜPARU, SED NE TRO!

En la komenco de la ludo ĉiu el la ludantoj havas 50 unuojn kiel posedaĵon.

La ludo konsistas el pluraj matcoj[1]. Se iu el-metas ĉiujn siajn 50 unuojn en la unua matĉo, tiu gajnas unu matĉon, sed ne la tutan ludon, ĉar li malŝparis sian tutan posedaĵon. Ĉiu devas do mastrumi[2] tiel, ke li gajnu, per 50 unuoj, kiel eble plej multe da matĉoj!

Kia-maniere ludi? En la ludo povas partpreni 3 ĝis 10 personoj. Ĉiu skribas al si, sur aparta papero, iun nombron. (Atentu! La kun-ludantoj ne vidu vian paperon!) Kiu estas preta, tiu diras: „Mi skribis!"

Poste, ĉiu malkaŝas sian nombron laŭ-vice. Se ludas, ekzemple, kvar personoj, la unua matĉo povas aspekti jene:

| A | B | C | D |
|---|---|---|---|
| 7 | 3 | 11 | 5 |

*C* gajnis en la unua matĉo (li ricevas unu poenton[3]), ĉar li skribis la plej altan nombron. Sed li disponas[4], por la ceteraj matĉoj, nur 39 unuojn, dum *A* havas 43, *B* — 47, *D* — 45.

La dua matĉo povas finiĝi jene:

| A | B | C | D |
|---|---|---|---|
| 13 | 1 | 1 | 8 |

Restaĵo:

| A | B | C | D |
|---|---|---|---|
| 30 | 46 | 38 | 37 |

Kiu for-ludis ĉiujn siajn unuojn, tiu ne plu partoprenas en la ludo. Unu persono sola ne rajtas ludi, liaj rest'intaj unuoj estas perditaj.

La ludon gajnas tiu, kiu akiris plej multe da poentoj.

Agrablan amuziĝon!

*G. Kurucz* (Hungario)

ABC POR KOMENCANTOJ

1. ĉi tie: parto de ludo; unu meto, kiu ripetiĝas plur'foje, ĝis konsumiĝas ĉiuj unuoj/ 2. ekonomie uzi/ 3. gajno-unuo/ 4. havas propraĵon, kiun li libere uzas.

Aŭd'inte, ke JUNA AMIKO bezonas fortan sub-tenon, s-ro *J. MIKULÁS* (Budapeŝto) abonis al 10 ekzempleroj da JUNA AMIKO. Per tia grand'anima ago, li fariĝis la unua PATRONO de JUNA AMIKO. Ni kore lin dankas!

Antaŭ du jaroj, aperis interesa poŝ'libro en *Zagrebo: „G. Marin vizitas sian hejmon — la mondon."* El ĝi, ni ĉerpas la ĉi-suban unikaĵon

## MAPO[1] EL BASTONO

(Gronlando)

Jen estas mapo, kian la eskimoj skulptas[2] el ligno, al-portita de maro. Ili pri-tanĉas, el ĝi, sian dent'itan mar'bordon kaj la apudan ĉenon de insuloj. Tia mapo montras ne nur la konturon[3] de la lando, sed pli-malpli precize ankaŭ ĝian aspekton. Ili signas la lokojn, kie situas[4] ruinaj[5] domoj, taŭgaj por provizejoj[6]. Estas vere, ke la skalo[7] des pli grandiĝas, ju pli oni proksimiĝas al bone konata regiono[8]. Sed tio estas ekskuzebla[9], ĉar alie, ne estus sufiĉa spaco por en-teni ĉiun detalon[10].

La peco *A* prezentas la marbordon, kiu etendiĝas nord'oriente de apud la insulo *Angmassalik*. Ĝi ampleksas[11] ĉirkaŭ 100 kilometrojn. La peco *B* prezentas ĉenon da insuloj, situantaj laŭ-longe de la marbordo (A). Oni devas, image, for-igi tiujn pecetojn, kiuj kunigas la insulojn unu kun la alia. La distanco inter la bordo kaj la insuloj ne estas montr-ata. Dum la rakontanto klarigas la mapon, li movas la pecon *B* tien kaj reen, por ke la menciata[12] insulo estu en ĝusta pozicio[13], rilate al la bordo (peco *A*).

La libro de G. MARIN estas havebla ĉe la libro-servo de UEA aŭ ĉe la eldonisto: Eld. IKS, P. p. 703, 41001 ZAGREB, *Jugoslavio,*




1. io, kio prezentas la formon de lando; land'karto/ 2. formas ion el ligno aŭ stono k. t. p./ 3. rand'linio/ 4. kuŝas; troviĝas/ 5. fal'intaj; ne-loĝeblaj/ 6. loko, kie oni konservas bezonaĵojn/ 7. ĝenerale: aro da egal'distancaj divid'strekoj/ 8. unueca parto de lando/ 9. pardonebla; akceptebla/ 10. malĉefajo/ 11. en-tenas; en-havas/ 12. tio, pri kio oni parolas/ 13. stato de situo.

enigmo

## ĈU VI SCIAS, KIO ESTAS...

1. ANAKONDO?
   - (a) Rivero en Suda Ameriko.
   - (b) Granda serpento[1].
   - (c) Insulo en Pacifiko.
   - (ĉ) Frukto de tropika[2] arbo.
2. BULJONO?
   - (a) Supo el bova aŭ kokina viando.
   - (b) Urbo de la 1-a Esperanto-kongreso.
   - (c) Malgranda bakaĵo.
   - (ĉ) Fama vino el Francio.
3. CIKADO?
   - (a) Ano de vaganta[3] gento[4].
   - (b) Post-signo de vundo sur korpo.
   - (c) Tempo-daŭro.
   - (ĉ) Insekto.
4. ĈARDAŜO?
   - (a) Manĝaĵo el azena[5] viando.
   - (b) Hungara danco.
   - (c) Kvarrada veturilo.
   - (ĉ) Vilaĝa drinkejo[6].
5. DOKTRINO?
   - (a) Edzino de doktoro.
   - (b) Aro da leĝoj, kiujn instruas iu religio aŭ scienco.
   - (c) Virino, kiu doktoriĝis.
   - (ĉ) Helpistino en malsan'ul'ejo.

*Dieter Berndt* (GDR)

1. sen-pieda tubo-forma besto/ 2. tropiko: varmega ter'zono/ 3. sen-hejma/ 4. sam'devena hom'grupo/ 5. azeno: longa-orela griza ŝarĝ'besto/ 6. vino-vendejo.

*KONSTATOJ*

*Se vi respondis per „jes" pri demandoj 1, 3, 4, 5 kaj 6: vi estas homo, kiun la sporto tute ne interesas.*

*Se vi respondis per „jes" pri la demandoj 8 kaj 10: por vi la rezulto estas grava, ne la sporto.*

*Se vi respondis per „ne" pri la demandoj 2 kaj 9: vi scias multe pri la sporto, sed tio ne sufiĉas por fariĝi sportulo.*

*Se vi respondis per „ne" pri ĉiuj demandoj, aŭ pri almenaŭ la demandoj 5, 7, 8 kaj 10: vi havas veran sportan menson.*

*SOLVOJ:*

*Ĉu vi scias . . . ? 1/b, 2/a, 3/ĉ, 4/b, 5/b.*

● 12-jara knabino deziras korespondi en Esperanto. Skribu al *Stefania Masini*, v. Nicolo Tommaseo n. 12; I—47 023 CESENA, *Italio*.

● 12-jara knabino, kiu kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn, volas korespondi kun samaĝuloj. Adreso: *Nicoletta Neri*, v. Fogazzaro 205; I—47023 CESENA, *Italio*.

● 16-jara lernanto, kiun interesas moderna muziko, literaturo kaj historio, serĉas leteramikojn. Skribu al *Kayar Pruul;* Vilde 140—4; SU—200026 TALLINN, *Estonio, USSR.*

● Tri gefratoj 10—14-jaraj deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn. Skribu al *Vladimír Zák;* Na pastvisku 1; CS—747 05 OPAVA 5; *Ĉeĥoslovakio.*




● 15-jara lernantino, kolektanto de poŝtmarkoj kaj bildkartoj, ŝatanto de estrada muziko kaj de la naturo, deziras korespondi kun geamikoj. Leterojn atendas *Laima Bieliauskaite;* Prienu raj. SU—234365 STAKLISKES; *Litovio, USSR.*

● Estonajn Esperanto-librojn, bildkartojn k. t. p. sendas kontraŭ via-landaj kalendar-kartoj *D. Ju. Kolker;* abonkesto 649; SU—330000 ZAPOROĴJE, USSR.

*SOLVOJ:*

1. *„Kiel vi fartas?” (n—ro 7)*

*1. indonezia; 2. rumana; 3. itala; 4. franca; 5. portugala; 6. hispana; 7. kisuaheli; 8. nederlanda; 9. hungara; 10. angla; 11. sveda; 12. islanda; 13. norvega; 14. dana; 15. ĉeĥa; 16. pola; 17. kroata; 18. Esperanto; 19. finna; 20. turka; 21. germana*

2. *Kaŝitaj vortoj (n—ro 7)*

*Gumo, spongo, cirkelo, kreto, krajono, liniilo, teko, kajero, libro, katedro.*

JUNA AMIKO
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193.). Responda redaktoro: JOZEFO MÁTÉFFY. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *H. Boffejon* (Svislando), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *R. Grinŝpan, L. Jevsejeva* (Sovetunio), *E. Linz* (Aŭstrio), R. *Okumura* (Japanio), G. *Ösz* (Hungario), B. *Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehorić* (Jugoslavio), *G. Silfer* (Italio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytynski* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement, P. Rak* (Ĉeĥoslovakio), S. *Plugor* (Rumanio), E. *Váli Z. Vámos* (Hungario). Lingva revizio: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).
Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanács Táj. Hiv. — III/2686 A6

# humuro

*„Paĉjo", diris Joĉjo, „hodiaŭ estos uragano".*
*„De kio vi scias tion?" demandis la patro.*
***„Ĉar"**, respondis la knabeto, „kiam la barometro[2] falas, tiam venas uragano."*
*„Kaj ... ĉu ĝi falis?"*
*„Ho jes ... ĝi falis kaj rompiĝis."*





*„Panjo", demandis la 6-jara fileto, „ĉu mi povos iĝi rabisto, kiam mi estos plen'aĝa?"*
*„Jes", aŭtomate respondis la partino, „kondiĉe ke vi kondutos bone."*

1. pluvego kun ventego/ 2. mezurilo por aero-premo/ 3. kopii ies movon aŭ voĉon/ 4. estro/ 5. malinteresa/ 6. cirka lertulo; saltisto.

## ETA MIS-KOMPRENO

„Mi sci'povas imiti[3] birdon", diris junulo al la direktoro[4] de cirko.
„Ĉu tio estas atentinda?" demandis la direktoro. „Banala[5] afero. Ni ne bezonas tian."
„Estas domaĝe", respondis la akrobato[6], kaj li for-flugis tra la fenestro.

